LA GAZETO

## ENHAVO

A J N A R E G I S T A R O,
Eugène de Zilah ............................3
L E T E R O J d e
E. Woessink, S. Ruszkiewicz,
G. Rassouw, B. Pabst......................4
S O L V O J el L G - 5 ............6
LA PERDITA HONORO DE IU
HEROLDO de E.,
Walter Zelazny ..............................7
AMO KAJ MORTO EN BALIO,
romano de Vicki Baum,
recenzita de EdZ ...........................8
KRUCVORTENIGMO.......................9
LA 12-a INTERNACIA KONFERENCO de NEM en ATENO ........10
LA JUBILEA INTERNACIA
KONFERENCO en GRAZ ............12
2-a INTERNACIA FORUMO
de MFKA......................................14
K I E N N I I R O S ?...........15
La 71-a UNIVERSALA KONGRESO de UEA en PEKINO ...............16
EKU – KURZOJ ..........................17
KIUJN AŬTOMOBILOJN UZAS
EŬROPANOJ ..............................17
La ŜAKPROBLEMO
de Paskalo.....................................17
JUDAJ RAKONTOJ,
tradukitaj el la pola
de Erta Liczmanska ......................18
KRONO DE L'SONETOJ
de France Preŝeren,
tradukita de Tone Logar,
legita de Enko ..............................19
LA DEKERARA TEKSTO ............18
MORTIS LUDOVIKO MIMOO,
R. Ŝulco .......................................20
CSEH – METODO EN NOVA
„PROFESIA VESTO"
M. v.d. Horst-Kolinska ..............21
EBLECOJ KAJ MALEBLECOJ
DE ESPERANTO,
Van Terwisga ...............................21
La DEKERARA TEKSTO SEN-
ERARIGITA..................................22
IOM DA GRAMATIK(L)A
MATEMATIKO,
de Jean Thierry.............................23
K I A V A R M E G O !,
travivaĵoj de Edgar ......................24

**LA JUBILEA ESPERANTO-KONFERENCO EN GRAZ ORGANIZOS REKTMETODAJN KURSOJN POR KOMENCANTOJ KAJ PROGRESANTOJ POR KE ĈIUJ ESPERANTISTOJ POVU PARTOPRENI**

numero 6. 310KT86

**L A G A Z E T O**

**sessemajna kleriga periodaĵo de la**
**MONDA FEDERACIO DE KULTURAJ ASOCIOJ**
**por disvolvigo de la esperantista kulturo**

Eldonas
ESPERANTO-MFKA-METZ

Redaktoro
Eugène de Zilah

Redakta Komitato
MFKA - 002 - METZ

Grafikisto
Daniel Nonnenmacher

Fotisto
Edgar de Zilah

Makedisto
Pascal Block

Adreso de la redakcio
kaj administracio
LA GAZETO
39, rue Joseph Hénot
F-57070 METZ

**Abonoj ĉe**
**CLUB D'ESPERANTO DE METZ,**
**MCL, 36 rue St-Marcel**
**F-57000 METZ**
**poŝtĉekkonto : 762 79 P NANCY**

Jarabono
6 sinsekvaj numeroj : 12 ekuoj
Vi povas komenci la abonon
iam ajn

LA GAZETO
ne aperas dumsomere

Anoncoj
1/4 da paĝo = 40 ekuoj

Recenzoj
bonvolu sendi po du ekzemplerojn de la recenzotaĵoj al la redakcio

PRI LA STILO KAJ ENHAVO
DE SUBSKRIBITAJ
ARTIKOLOJ
LA GAZETO NE RESPONDECAS

*A B O N P R E Z O J L A Ŭ L A N D O J*

*Se vi ne povas poŝte ĝiri, aŭ sendi **poŝtmandaton** bonvolu skribi al LA GAZETO, ni sendos al vi fakturon, kaj klarigos al vi kiel oni povas aboni el via lando (eĉ se ne pagipova). Por ke vi havu ideon pri la abonkotizoj, jen la proksimuma prezo de unujara abono, en via nacia mono :*

** Aŭstrio = 175.73As * Belgio = 586.2Bs * Britio = 8.78GBs * Bulgario = 11.7BGs * Danio = 94DKs * Finlando = 61SFs * Francio = 82Fs * FR Germanio = 25Ds * Grekio = 1680GRs * Hispanio = 1660Es * Hungario = 583Hs * Italio = 17300Is * Jugoslavio = 5000YUs * Norvegio = 92Ns * Nederlando = 28.5NLs * Pollando = 2500PLs * Portugalio = 1800Ps * Svedio = 82.5Ss * Svisio = 20.5CHs * Usono = 12.6USAs*

*P E R A N T O J*

***Aŭstrio :** D-ro Klaus PERKO, Lendkai 111, A-8020 Graz. — Poŝtkonto : Graz 1257.845 **Britio :** Geoffrey KING, 228 Capworth Street, GB-London E10 7HL — Poŝtkonto : 37.507.9106 **Danio :** Eldonejo PERSPEKTIVO, Norregardsvej 91, DK-2610 Rodovre. — Poŝtĉekkonto : 9 32 95 95 **Francio :** CLUB D'ESPERANTO DE METZ, MCL, 36 rue St-Marcel, F-57000 Metz — Pĉk : 762 79 P Nancy **F.R. Germanio :** Rudolf HELMKE, Wiesenstrasse 9, D-4773 Möhnesee-Günte — Konto nº 31 377 450 Sparkasse Möhnesee (BLZ 41451485) **Hispanio :** Luis HERNANDEZ-YZAL, Banka Mas Sarda: 19000 669/2, Vilafranca del Penèdes (Barcelono), Avenda de Barcelona 35. **Italio :** Enrico MINGO, Via Simone Martini 22, Isolato 19, I-80128 Napoli. **Jugoslavio :** „Voĉo de Handikapuloj", Duŝan ADNADJ, Ŝkolska ul. 25, YU-56227 Borovo. **Luksemburgio, Belgio :** Albert WICKLER, 1 rue de Kehlen, L-Olm. — Poŝtĉekkonto : 54175-49. **Norvegio :** ESPERANTOFORLAGET A.S., Olaf Schous vei 18, N-0572, Oslo 5, poŝtĉekkonto: 5100 318 **Svedio :** Gösta PERSSON, Buntmarkaregatan 1, S-25248 Helsinborg. — Ĝirkonto : 434 1664-3. **Svisio :** Kultura Centro Esperantista, CH-2301 La Chaux - de - Fonds — Poŝtkonto : 23-2921*

Directeur de la pubication : Madeleine de Zilah
Imprimé par RAPID'IMPRESSION, 2 rue de la Côte, F-57050 Metz
Dépôt légal : L1 - 1979/85

# AJNA REGISTARO

Altiris mian atenton paragrafo de artikolo en la ĉiam bona hungara esperanta revuo, HUNGARA VIVO, n-ro 2/86, kie talenta rubrikisto skribas jenon : „Surpriziĝas kun troiga alta voĉo SENNACIULO (4), ĉar oni jam ne invitas SAT kongresi venontjare en Pollando. Kial? Mi opinias, ke pro ilia rabia, krude malamika, sinteno. Ajna registaro rifuzus inviti la ĝin kalumniantan organizon". Min surprizis la opinio de la rubrikisto, des pli, ke li kvazaŭas elmeti evidentaĵon.

**Kaj la abismo inter niaj pensmanieroj ekaperas al mi kapturniga.**

Kiu invitis nin, al jubilea Esperanto-Kongreso, en Varsovion? Vi kredis, ke estis la Pola Esperanto-Asocio. Eraro! Invitas la esperantistojn la registaro de la pola totalisma ŝtato, tiu sama, kiu antaŭ unu jaro draste enmiksiĝis en la asocian vivon de niaj polaj samideanoj, tiu sama, kiu likvidis la solidarecan amassindikaton de la polaj laboristoj, tiu sama, kies policistoj ĝismorte torturadis pastron Popieluszko kaj kaŭzis multajn politikajn murdojn, sen paroli pri aliaj glorindaĵoj. Almenaŭ tion kredas rubrikisto en HV! Probable li scias, cetere, ke la ŝtatoj nur permesas (aŭ malpermesas), ke esperantistoj havu siajn asociojn aŭ organizu internacian kongreson, sed ne invitas esperantismajn organizaĵojn. Cetere ĉi ĉio ne tro gravas!

Gravas, ke multaj esperantistoj kredas, kiel li, ke ekzistas natura simbiozo inter ŝtatoj kaj esperantismaj movadoj. Ni malbone konas nian propran historion kaj ni ne sufiĉe legadas Zamenhofon, Lantin kaj Lapennan. Se ne, ni scius, ke la landaj asocioj estas kompromisoj, por ke diktaturaj ŝtatoj permesu la ekzistadon de niaj organizaĵoj. La totalismo estas precize la malpermeso ekzisti sen ŝtata permeso. Sed ĉu vere necesas elporti la pezon de ŝtato kaj aldone ami la bastonon? La pola ŝtato rajtas ne ami la organizaĵon de esperantistaj laboristoj. Ĝi ankaŭ rajtas, laŭ sovetiisma logiko, malpermesi kongreson de organizaĵo, kiu ne akceptas ĝian totalisman veron. Do ĝi rajtas ne inviti SAT-on.

Sed Sennaciecan Asocion Tutmondan **ne invitis la pola ŝtato** sed la Pola Esperanto-Asocio, kiu poste ricevis ordonon ne inviti ĝin. Do laŭstatute neŭtrala organizaĵo ricevas ordonojn de la partipolitika ŝtato. Homoj honestaj kaj kuraĝaj, la antaŭa Estraro de PEA, iom rezistas. Ne gravas, oni simple forpuŝas ilin kaj oni postenigas fidelulojn. La demando nun estas, kiujn reprezentas ĉi tiuj fideluloj? Certe ne la polajn esperantistojn, ĉar nun ili ne rajtas demokrate (tio estas sekrete kaj sen premoj) voĉdoni. Ankaŭ ne la polan registaron, ĉar tiel PEA ne rajtus membri en UEA. Ili do reprezentas nur sin mem : manplenon da politikemuloj scipovantaj Esperanton. Kaj ĉi tio estus la plej favora solvo de la problemo, ĉar eblas, ke ili



*D-ro Eugène de Zilah en Ateno*

eĉ ne estas politikemuloj, sed sinceraj esperantistoj, kiuj volus savi, submetiĝante, la ekzistorajton de la pola movado. Se tiel, ili ne konas la historion de la movado, ili ne scias kiajn dankojn havis niaj germanaj samideanoj, post kiam ili akceptis la Hitlerismajn postulojn de la tiama germana ŝtato, post kiam ili akceptis sinki en la plej fetoran ŝlimon de la sendigneco, por savi sian organizaĵon.

Kio veris tiam, ankoraŭ hodiaŭ veras : kiam Esperanto-organizaĵo ne plu povas ekzisti sen partipolitika enmiksiĝo, ĝi devas tuj malasociiĝi. Tiam la esperantistoj aniĝas en aliaj, tutmondaj, Esperanto-organizaĵoj, kiel ekz. estas SAT, MFKA, kaj atendas la malsukceson de la sialanda totalisma reĝimo kaj la restarigon de sia asocio. Ĉiumaniere, internaciisma movado ne povas esti bone regata de naciaj (naciismaj?) asocioj. La naciaj asocioj havas por kerna tasko la eldonadon de lernolibroj, vortaroj kaj tradukaĵoj. Ili ne devus enmiksiĝi en la organizadon de la esperantista vivo, ĉar ne eblas, ke ili ne fariĝos politikaj, turismaj aŭ propagandaj agentoj de siaj ŝtatoj.

Ĉiam ekzistos politikaj diferencoj inter esperantistoj. Ni scias tion kaj ni ne malamas esperant-



# LETEROJ

istojn, kiuj opinias, ke esperantismo estas malplena koncepto, se oni ne subordigas ĝin al, laŭ ili, pli alta koncepto de religia, politika aŭ rasa zelotismo. Ili estas estimindaj kiel komunistoj, muzulmanoj, katolikoj, patriotoj kaj tiel plu, sed oni permesu al ni diri, ke estas mortiga danĝero por Esperanto se ili regas la esperantismajn organizaĵojn, postulante unuecan obeadon al siaj transcendaĵoj.

Ajna registaro emas detrui la organizaĵojn, kiuj obstaklas sur ĝia vojo al la regado. La totalismaj registaroj eĉ pli ol la aliaj. Sed ĉu ni rajtas konkludi el tio, ke la devo de la esperantista organizaĵo estas peradi la dummomentan ŝtatan politikon?

**Ĉu estas vere normale, ke ajna registaro enmiksiĝu en la agadprogramon de civila kultura organizaĵo** aŭ eĉ uzurpu la rajton elpostenigi la laŭstatutan estraron de ĉi tiu organizaĵo. Por respondi al ĉi tiu demando, bonvolu imagi, ke la franca aŭ germana aŭ brita registaro utiligadus premojn por forigi estraranojn de Unuiĝo Franca por Esperanto, de Sarlanda Esperanto-Ligo, de Esperanto-Asocio de Britujo, ke ili postenigus neelektitajn esperantistojn por pluen gvidi ĉi tiujn landajn asociojn laŭ registaraj partipolitikaj celoj, kaj, ekzemple devigus ilin nuligi inviton al Bulgara Esperanto-Asocio, kiu ja kritikis multfoje diversajn punktojn en la politikoj de la antaŭe diritaj ŝtatoj. Se vi konsideras, ke jes, ajna ŝtato rajtas tiel agi, kaj la devo de bona esperantisto estas la submetiĝo al politike regataj organizaĵoj de sia lando, senrigarde kian politikon havas sia lando, senzorge ĉu li submetiĝas al faŝismo ruĝa aŭ nigra, tiam vi nepre iru subteni ĉi tipan ŝtatan politikon al esperantistaj organizaĵoj, vi nepre iru Varsovion dum la jubilea jaro! Tamen ne naivu! Tiuj, kiuj diras al vi, ke via ĉeesto ne apogos la bonrajton de la ŝtato, kiu „normaligis" Polan Esperanto-Asocion, tiuj same mensogas kiel tiuj, kiuj en 1933a diris, ke la ĉeesto al Kolonja Universala Kongreso ne apogas la naziojn, sed alportas helpon al niaj germanaj samideanoj, kiuj estis likviditaj iom poste. Se la Varsovia kongreso estontus sukceso, ĉi tio pruvus al ĉiuj totalismaj ŝtataj administracioj, ke ili povas libere kaj laŭplaĉe manipuladi la esperantistojn sen eĉ timi turisman bojkotadon. Sed ĉu ankoraŭ necesas pruvi, ke solidareco ne ekzistas inter esperantistoj? Kian **solidarecon** subtenos kongreso en Pollando, kie ne rajtos kongresi Sennacieca Asocio Tutmonda?

***Eugène de ZILAH***




***S-ro Slawomir Ruszkiewicz, (PL)***

*Laŭ anoncoj aperintaj en E-gazetaro kaj laŭ la aspekto mem de la frontopaĝo de „La Gazeto" ŝajnis al mi, ke temas pri ankoraŭ plia, negrava revueto traktanta ĝisnaŭze pri nuraj E-aranĝoj kaj aliaj movadaj oficialaĵoj. Tamen enprofundiĝinte en ties 3-an numeron, min rekte tuŝis — ja pozitivasence — la kuraĝa, honesta rilato al ĉiaj tabuoj en nia movado, krome la klopodo atingi la nepagipovajn samideanojn — la rekta oferto por ili per strikta difino de la abonkotizoj ĝuste en la koncernaj valutoj. Ĉio-ĉi konvikis min ke ekzistas ankoraŭ veraj esperantistaj ĝentlemanoj, la verdaj kavaliroj praktike realigintaj tion, kion aliaj nur deklaras...*

*Pri la puĉo en Pola Esperanto-Asocio mi povas nur kunbedaŭri, des pli, ke oni atakis ankaŭ min pro mia pacisma poemo „Antaŭen marŝu!" aperinta en la 1-a pasintjara n-ro de la efemerida sed ja libera „Pola Esperantisto", kiun ĉefredaktis d-ro Tyburcjusz Tyblewski.*

*Necesas reliefigi, ke la nuna skisma estraro de PEA oficiale fordistanciĝis de la invito, kiun al SAT faris siatempe la legitime oficanta estraro. Laŭ la invit-letero, SAT-anoj celebrus la jubilean jaron 1987 ĝuste en Pollando, per sia kongreso tie! Nu, kial la asocio de la verdaj sennaciecaj laboristoj ne povas kongresi en la „por-laborista" lando? Jes ja, ĉar okazus la maltrankviliga pens-interŝanĝo. Tiu endanĝerigus la sanktajn kvieton kaj pacon. Anstataŭ normale estus tro eksterordinare, do anomalie, do malpace! Ho, ci timinda liberpenso! Ekstermis vin sufoke Hitler kaj Stalin, kaj kiu nun sekvas ankoraŭ...?*

**LG** : Vi aldonis al via letero noton : „publikigebla", alimaniere ni iom hezitintus publikigi vian leteron por ne kaŭzi al vi problemojn. Sed se pro ĉi tiu via letero io grava „akcidento" okazus al vi, **LG** promesas organizi la plej gravan protestokampanjon per ĉiuj gazetoj, radioj, televidiloj, kiujn ĝi povos atingi en ĉiuj lingvoj.

**S-ro Woessink, (NL)**

*Puĉo? Mi deziras pruvi al vi, ke en Hamburgo ne okazis puĉo. Mi prenas por tio faktojn el la protokolo de la kunvenoj de la Komitato. Konata fakto estas, ke inter la komitatanoj regis malkontento pri la tiama prezidanto, Lapenna, kiu ekde 1938 (IEL) estis estrarano kaj ĝenerala sekretario kaj ekde 1964 prezidanto de UEA. Memoru la voĉdonadon en Londono. Por prezidanteco, 25 por Lapenna, 21 por Wensing kaj 3 blankaj voĉoj. Nu en Hamburgo la afero kristaliĝis en la elekto, fare de la komitatanoj A kaj **B**, de komitatanoj **C**. Estis decidite, ke oni elektu 13 komitatanojn **C**, kaj estis 29 kandidatoj. En la kunsido estis 50 komitatanoj A + B. Ĉiuj rajtis meti sur sian voĉdonilon maksimume 13 nomojn (malpli estis permesate, sed voĉdonilo kun pli da nomoj estis senvalida). Inter la komitatanoj estis konate, ke pluraj kandidatoj por **C**, kiam okazos la elekto de nova prezidanto, ne elektos s-ron Lapenna, kaj de aliaj estis konate, ke ili favoras lin, kaj de kelkaj, ke ili prenas ian neŭtralan starpunkton. Inter la 50 komitatanoj A + **B** estis 14 el la landoj de orienta Eŭropo. Antaŭ ĉio mi diru, ke mi tute ne kredas, ke ili bloke devis voĉdoni por la kandidatoj, kiuj malfavoris s-ron Lapenna kiel prezidanton. Des pli mi ne kredas tion, ĉar la voĉdonado estis plene sekreta. Sed krome estis 36 komitatanoj, kiuj ne venis el tiuj orient-eŭropaj landoj. Entute eblus esti 50 x 13 = 650 nomoj sur la voĉdoniloj. Estis entute 621. Do estis inter la voĉdonintoj, kelkaj, kiuj metis malpli ol 13 nomojn. Estis 9 kandidatoj, kiuj akiris inter 28 kaj 33, do minimume ili ricevis 14 aŭ pli da voĉoj de komitatanoj ne venantaj el orienta Eŭropo. Kaj de ili 9 estis konataj, ke ili favoras alian prezidanton de UEA. Eĉ estis tiel, ke la homoj, kiuj plej forte tion deziris, ricevis 33 aŭ 32 voĉojn. Ĉiuj aliaj 20 kandidatoj ricevis malpli da voĉoj, ol 28. Mi esperas, ke per ĉi tiu klarigo ĉe vi malaperos la kredo, ke en Hamburgo okazis la komunista puĉo.*
*Post la rezulto de la voĉdonado pri komitatanoj **C** s-ro Lapenna kaj kelkaj el lin plej favorantaj homoj decidis forlasi la komitaton de UEA. Li do ne kandidatiĝis denove por prezidanto.*

**LG** : Ni do devas reparoli pri la bedaŭrindaj „Hamburgaj eventoj", kiuj okazis en 1974a, kiam pli ol du trionoj de la legantoj de **LG** kaj neniu membro (el 28) de la redakta komitato de **LG ankoraŭ ne estis esperantistoj.** La nura vere dokumentita libro pri la „Hamburga puĉo" estas „Hamburgo en Retrospektivo" de la tiama prezidanto de UEA : prof. Ivo Lapenna. En la „indekso persona" de ĉi tiu libro, ni trovas vian nomon kun 8 numeroj de referitaj paĝoj. Tio klare pruvas, ke vi estis inter la aktoroj de ĉi tiuj eventoj, pri kiuj vi rajte parolas. Cetere, ni ne trovis veran kontraŭdiron inter la citita libro kaj la donitaĵoj de via letero. Temas pri etoso kaj perspektivo! Kion oni rajtas nomi „puĉo"? Se nur militista, perforta interveno en aferojn de iu estraro estas puĉo, tiam en Hamburgo ne okazis „puĉo", sed simpla sukceso de la bone organizita politika strategio de sovetiismaj landaj asocioj, kiujn UEA trokuraĝe akceptis antaŭe. **La pruvoj ekzistas, ke neesperantismaj influoj ekzerciĝis** en la elektado de la komitatanoj **A** (de la landaj asocioj) en sovetiismaj landoj, celantaj, nome, la forigon de la linio neŭtrala de la tiama prezidanto prof. Ivo Lapenna. Evidentas, ke fidelaj komunistoj voĉdonos komuniste, eĉ se la voĉdonado estas sekreta. Vi tamen pravas, 14 delegitoj el sovetiismaj landoj eventuale ne sufiĉintus. (Ni tamen rimarku la naturon de la voĉdonado por la delegitoj C! Se 14 homoj sisteme forstrekadas nomojn antaŭdonitajn kaj la aliaj voĉdonadas laŭstatistike, la celitaj nomoj havos 14 voĉilojn malpli ol 50*N/13, N estante la nombro de kandidatoj por la komitateco C, kaj tio sufiĉas por ke ili ne estu elektitaj.) La sovetiisma linio havis apogantojn en la landasociaj delegitaroj de aliaj landoj. Ofte pro marksismaj konvinkoj (multe pli oftaj antaŭ dekdu jaroj, ol nun), aŭ pro oponado al la persono mem de prof. Lapenna. Ĉiumaniere, kio okazis, vere okazis, kaj por ni ne plu ekzistas neŭtrala mondorganizaĵo vere universala. Kompreneble ni ĝojas kiam Esperanto sukcesas en orientaj landoj aŭ triamondaj landoj dank'al la laboro de Universala Esperanto-Asocio, sed ni ne povas akcepti la sovetiisman linion de UEA en multaj Esperanto-agadoj, kie ĉi tiu asocio evidente montras sin kiel organizaĵo politike difinita. Por ni, junaj esperantistoj, fakte ne tro gravas ĉu estis aŭ ne estis puĉo en 1974a en Hamburgo. Gravas por ni, ke ni volas mondoorganizaĵon, kiu estu vera federacio de grupoj, sen perado de landaj naciaj (naciismaj?) asocioj, **tiaj grupoj, kiajn Zamenhof mem deziris!**

## SOLVOJ EL LG-5

| | 1 | 2 | 3 | 4 | 5 | 6 | 7 | 8 | 9 | 10 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 | K | A | P | R | I | K | O | R | N | O |
| 2 | A | G | A | ■ | V | A | R | ■ | E | R |
| 3 | L | O | P | O | ■ | L | K | K | ■ | K |
| 4 | I | R | I | Z | ■ | M | I | E | L | E |
| 5 | F | O | L | ■ | B | U | D | ■ | A | S |
| 6 | O | ■ | O | Z | O | K | E | R | I | T |
| 7 | R | U | T | E | N | O | ■ | A | K | R |
| 8 | N | L | ■ | N | ■ | ■ | K | R | E | I |
| 9 | I | A | I | ■ | A | L | O | ■ | C | O |
| 10 | A | N | T | I | C | I | K | L | O | N |

La solvon de la „ ŜPB - 5 " vi trovos en la letero de S-ro Bernhard Pabst.

---

***S-ro Bernhard Pabst, (D)***

*Solvo de la ŝakproblemo „ŜPB-5".*
*1. peono A1-A2 ŝako; se reĝo B4-A4, ĉevalo E4-C3 mato, do restas nur reĝo B4-C4;*
*2. turo E5-E8 (!!) kaj la damo perdiĝas :*
*se damo F8x turo E8, ĉevalo E4-D6 ŝako kaj samtempa atako de la damo („ĉevala forko");*
*se damo -E7, -A3, -D6, -C5, -B4 (la diagonalo) aŭ la peono aŭ la turo aŭ la ĉevalo aŭ la reĝo, forprenas;*
*se damo -F7, 5, ĉevalo D6 (ĉevala forko);*
*se damo F6, 4, 2, ĉevalo aŭ peono forprenas;*
*se damo F3 aŭ 1, ĉevalo D2 kaj denove ĉevala forko;*
*restas nur la horizontalo G/H8, kie la turo prenas; kun du peonoj kaj ĉevalo kontraŭ unu peono la blankulo facile gajnos.*
*Bela - iom facila - tasko : malgraŭ la fakto, ke la nigra damo havas teorie 15 (!) eblajn movojn, se mi bone kalkulis, ĝi estas enkatenigita.*
*Espereble via Gazeto evoluos same facile kaj surprize kiel ĉi-tiu ŝaka situacio. Mi sekvas ĝian evoluon kun intereso kaj simpatio. Estus tre dezirinda, se baldaŭ ĝi pli-evoluiĝus al pli vasta kontribuantaro kaj iom perdus sian nunan Metz-centriĝon. Mi deziras al vi sukceson.*

**LG :** Paskalo diras, ke vi modele solvis la ŝakproblemon, vi do gajnis premiolibron. Ni ne scias ĉu ni kapablos, aŭ ne, same brile solvi niajn problemojn. Sed kion vi nomas „Metz-centriĝo"? Ni havas kunlaborantojn en preskaŭ ĉiuj landoj en Eŭropo, kaj havi la redaktejon, presejon kaj la redaktan komitaton en la sama urbo ŝajnas al ni atuto. Vi ne diras **kian** evoluon vi dezirus.

***S-ino Gemma Rassouw, (F)***

*Mi gratulas vin pro via ĉefartikolo titolita „La ŝuoj de Veronika", ĝi pensigas nin pri titolo de bela fabelo, sed ĝi estas nur bedaŭrinda realaĵo. Mi vidis tiun televidan elsendon kaj, same kiel vi, mi komprenis la kialon de la fiasko de la entrepreno. Jam delonge la Esperantistoj bone scias kial Esperanto ne sukcesas disvastiĝi en la mondon, vi tre ĝuste rememoras tion.*
*Mi opinias ke tiu artikolo devus esti tradukita franclingve kaj aperi en francaj gazetoj, tiel, la neesperantistoj komprenus kial Esperanto ne ricevas helpon de la regantoj. Tiu artikolo indas disvastiĝi, pro tio, mi permesas al mi legi kaj registri sur kasedo por mia angla korespondantino, mi esperas ke vi ne malaprobos.*
*Kial Kabe kabeiĝis? Pri tio oni povas fari multajn demandojn, sed mi agnoskas ke foje mi ankaŭ seniluziiĝas kaj malesperiĝas. Legante multajn gazetojn en Esperanto, mi ne komprenas kial ne regas pli da harmonio inter la grupoj; tio estas treege malbona por nia movado. Ĉu pravis tiu kiu diris al mi : „kial Esperanto plibonigus la mondon? en sama familio oni ĉiuj parolas la saman lingvon kaj malgraŭ tio, oni ne akordiĝas inter ni!" ...Mi ne trovas taŭgan respondon.*
*Samokaze, mi reabonas por ses numeroj, esperante ke vi havos sufiĉe da materialo por daŭrigi la revuon.*

**LG :** Dankon pro via letero. Ni ja havas „sufiĉe da materialoj", sed eble ne sufiĉe da abonantoj „por daŭrigi la revuon". Pro tio ege ĝojigis nin via antaŭtempa reabono.

---

GRATULOJN AL LA SOLVINTOJ DE LA KRUCVORTENIGMO "KVE-5": s-ino A.-Marie Maillot (F) - s-ro Lennart Persson (S) - s-ino Gemma Rassouw (F)

GRATULOJN AL LA SOLVINTOJ DE LA ŜAKPROBLEMO "ŜPB-5": s-ro Bernhard Pabst (D) - s-ro Otto Kuttelwascher (A)



**LA PERDITA HONORO DE IU HEROLDO de E.**

Mi neniam celas polemiki kun mondkonceptoj, religiaj aŭ politikaj konvinkoj. Simple mi rimarkas, ke tiaj (kiel ĉie) ekzistas en Esperantujo kaj **ludas en ĝi tre gravan rolon.** Ankaŭ redaktoro de ĉi tiu rubriko (kiel ĉiuj redaktoroj) havas siajn politikajn, mondkonceptajn, religiajn aŭ ne religiajn konvinkojn kiujn vole ne vole influas t.n. objektivecon, necesan en ĵurnalismo, kiu ja devas informi, helpi kompreni, eĉ sugesti.

Sed ofte okazas, ke **ne-informado**, sed mensogo kaj kalumnio fariĝas metodo ĵurnalismi en Esperantujo, metodo kontraŭa al la Zamenhofaj idealoj, kontraŭa al la ĵurnalisma etiko. Tiam **LG** intervenas. Ne, ĉar nur **LG** pravas, sed ĉar ĝi volas, ke la leganto mem juĝu sur baze de la maksimuma informado, ĉefe kiam minacata estas esenco de nia ekzisto, de nia etiko, de nia kulturo. Ekzemplo de tia interveno estis dokumenti kaj komentarii (LG n-ro 3) kaj ankaŭ denunci la informan manipuladon lige kun la polica puĉo kontraŭ legitimajn organojn de PEA kaj la revuon „Pola Esperantisto". Pri tio silentis kelkaj esperantistaj revuoj. Inter ili troviĝis ankaŭ „Heroldo de Esperanto" (HdE) kiu nomas sin ironie **internacia gazeto de la Esperanto-Movado.** Kiun politikan intereson havas HdE tio restu ties sekreto kaj rajto. Sed kiujn metodojn uzas HdE por misinformado mi povas simple montri, sen danĝero esti akuzota pri manipulado, ĉar ja ĉiu mem povas ĉion ĉi kontroli. Simple mi volas montri, ke ĵurnalismajn metodojn de HdE kontraŭstaras al ĵurnalisma etiko.

Jen en HdE n-ro 10-11/86 aperis artikolo, kiu titolas sian **anoniman** cerbumadon „Kelkfoje la profetoj eraras". Simple ĝi estas artikolo de HdE, kiun pro nekonataj kaŭzoj ne volis subskribi la redakcio, sed volis tamen ĝin publikigi.

1. **NOVPAROLO kaj HdE :** necesas vortaro por kompreni artikolon de HdE : la lingvo de HdE kaj citaĵoj estos substrekitaj : profeto = prof. Lapenna; apokalips-stila artikolo = artikolo de Lapenna en 4/74 numero de la revuo „esperanto"; gravaj nacilingvaj taggazetoj = Le Monde?, Il Tempo?, Pravda?, Politika?, N.Y. Times? ktp, sed mi nenion tie trovis pri kio skribas HdE; skisma movadeto = NEM?, MFKA?, SAT?; preskaŭ ne havas sekvantoj = centoj da personoj kun alia vidpunkto ol HdE.

2. **MENSOGOJ de HdE :** Ke UEA prosperas, montras la daŭra kresko. Jen statistiko : 1973a = 7.302 IM, 1976a = 6.018 IM, 1985a = 6.536 IM.
HdE fariĝas en unu momento ne plu mensoga, sed ridinda : jen ĝi skribas, ke en Pekino la organoj de UEA ricevis fortajn kritikojn, sed kompreneble kulpis ankaŭ strukturoj pri malnovaj administraciaj kaj laboraj konceptoj, starigitaj antaŭ jardekoj. Do dum 12 jaroj UEA ne sukcesis fari necesajn reformojn! Kaj HdE trovas kulpintojn ĉe „profetoj"! Sekvas : ke UEA havis skandalan deficiton, parte kompensita per la forteco de la kapitala konto. Eĉ en „esperanto" de UEA, n-ro 6/86 p. 117, ni povas legi, ke „**kompensoj estas nur manipulado en kaŝita formo**". Plue valorus pli bone analizi financan skandalon de UEA ligitan kun „Institucio Hodler 68", vidu : „Horizonto, n-ro : 5/86. Kial pri tiu malpura spekulaciado per mono de honestaj mecenatoj de la Movado silentas HdE?

3. **KONKLUDOJ de HdE :** Spite al la falsaj profetoj, kiuj laŭte ĝojas, kiam UEA renkontas malfacilaĵojn /.../ sed prisilentas ĝiajn pozitivajn atingojn. Nu, troigo. Valorus montri almenaŭ kelkajn ekzemplojn. Mi ĝojas, kiam kapitalo de HODLER 68 kreskas kaj mi malĝojas kiam la

Estraro de UEA trompas mecenatojn kaj uzas iliajn kapitalojn por spekulaciaj celoj. Do simple, kiel en ĉio pozitiva, mi vidas pozitivaĵojn, kaj inverse.

◊ ◊ ◊

Ĉu „profetoj" pravas aŭ ne, estas ĉies afero kaj rajto pubike diskuti pri la Esperanto-movado. Se HdE anoncas, ke nun UEA estas ununura sur ĝusta vojo celita, senerara, firma, glora, tio por mi jam sufiĉas por suspekti, ke io misfunkcias en la tuta afero.

Tuta artikolo de HdE celas montri, ke ne gravas ĉu Esperantistoj kongresas en faŝismo, frankismo aŭ stalinismo aŭ iu ajn -ismo, ĉar UEA estas ĉiam neŭtrala. Ĉu tio signifas, ke sufiĉas esti neŭtrala por eviti koncentrejojn aŭ gulagojn? Mi metu dogmojn de HdE pri la neerareco kaj neŭtraleco de UEA inter fabelojn. Oni diras, ke Lapenna vokis Esperantistojn al frankisma Hispanio. Sed pri kio tio estas argumento? Ĉu estis devigita iu ajn Esperantisto iri al tiama Hispanio? Aldone tiu UK okazis sub la signo de Homaj Rajtoj, kaj prelego de Lapenna koncernis Universalan Deklaracion. Kiel ni scias en nuna Pollando oni povas paroli pri manko de Homaj Rajtoj en Madrito, sed ne en Moskvo aŭ Sofio. Kiu ne komprenas aŭ ne volas kompreni tiujn diferencojn montras aŭ naivecon aŭ ruzecon.

En 1987 okazos pro diversaj kaŭzoj tri gravaj esperantistaj kongresoj (resp. konferencoj kaj forumoj) : en Varsovio (UEA), en Graz (NEM kaj MFKA), kaj en Boulogne-sur-Mer (SAT). Pro kio? Tion scias legantojn de la gazetaro de SAT, de NEM, de MFKA, sed ne de UEA kaj HdE. Ĉar HdE jam elektis por ĉiuj esperantistoj la kongreson, la organizon, la pensmanieron.

Ekzistas tamen aliaj revuoj, feliĉe. Malgraŭ la konfiskado kaj la cenzurado ili atingas ankaŭ totalismajn landojn (ne ĉiam kaj ne ĉiujn). Dank'al ili niaj esperantaj amikoj ekscias kio okazas en la Movado.

La redakcio de HdE elprofitas fakton, ke sovetismo permesas ties distribuadon, do HdE samtempe monopoligas por granda parto de Esperantujo informadon. Monopoligante ĝin, HdE skribas tion kion diktas al ĝi la politikaj instancoj de la Movado en sovetiismaj landoj. Estante presata okcidente HdE ŝajnigas esti voĉo de la libera mondo – aldone grava helpilo por sovetiismo.

Kompreneble tian koncepton de la informado (se ĝi estas koncepto) ja Esperantistoj ne povas akcepti. Neniu serioza homo (eĉ kun humuro) povas akcepti kiel argumenton la vortaron de HdE, konatan al ni el la tempoj de la inkvizicio, faŝismo kaj stalinismo : „grupeto", „skismo", „grandega plimulto ne deziras", „falsaj profetoj", „prisilentas pozitivajn atingojn" ktp.

HdE volas diri, ke en la Movado ĉio funkcias perfekte, sed estus ankoraŭ pli perfekte, se ne funkciado de kelkaj nigraj ŝafoj.

Ne „falsaj profetoj" manipuladas pri kontoj de UEA, ne ili kaŭzas deficiton de UEA, ne ili misuzas trompe kapitalon de HODLER 68, ne ili malinvitis SAT kongresi en Pollando, ne ili vokas policon por likvidi legalan Estraron de PEA, la redakcion de „Pola Esperantisto", ne ili kulpas pro skandala funkciado de la CO de UEA! Ne ili kulpas ankaŭ, ke HdE manipuladas informadon kaj misinformas pri ĉio ĉi.

***Walter** ZELAZNY*

---




**VICKI BAUM : AMO KAJ MORTO EN BALIO.** Elgermanigis ĝin P.H. MOOIJ. Reviziis la tradukaĵon Karl Beckmann (A) kaj Akiko Woessink-Nagata (NL). Eldonis : UEA - Rotterdam en 1986a. 21x15 cm. 420 paĝoj. Bonkvalita presado kal grandaj, larĝaj literoj facile legeblaj de komencantoj kaj de vidhandikapuloj. Prezo : ???EKs.

Multaj jam enviis la famon de la prikoloniaj romanoj de Kipling. Neniu pretendas, ke „Kim" aŭ „Tri soldatoj" estas neforgeseblaj ĉefverkoj de la mondliteraturo, sed almenaŭ ili bonege reflektas tion, kio esencis en la brita koloniismo. La blufloreco kaj la devigaj bonaj sentoj estis fabrikmarkoj de la Viktoria-epoko kaj ili ne kaŭzis nur konscienco-problemojn, ili ankaŭ plifortigis la homojn. Tute alie aspektos prikolonia romano de Aŭstria-Usona, juda verkistino same nescianta pri militaj, agrikulturaj kaj religiaj aferoj, kiel ne havanta ian senton aŭ sperton pri la ege kompleksaj rilatoj inter kolonioj kaj metropoloj. Ŝi tamen havis amikon : kuraciston, kiu travivis vivon sur la insulo Indonezia, Balio. Li kolektis dokumentojn, mapojn, leterojn, kaj kiel multaj aliaj homoj, kiuj travivis unikajn spertojn, kredis, ke oni povus fari romanon pri ĉio-ĉi. Feliĉe, li kontentis per simpla romanoskizo. La verkistino, Vicki Baum*, fama pro facilaj romanoj, kiuj atingas kino-ekranojn, devis elverkisti la romanon. Nu, ŝi elfaris la laboron tiom bone,

kiom ŝi kapablis. Ŝi elektis, kiel centron de la strukturo, surloke gravan historian eventon, la amasoferon ("puputan") de la princo de sud-Balia landeto, Badung, la 16an de septembro 1906a. Tia amasofero estas vere spektinda, ĉar ne nur ĉiuj nobelaj militistoj devas morti dum senespera atako kontraŭ ege supera malamiko, sed ili kuntiras en la morton ĉiujn siajn infanojn, edzinojn kaj parencojn, farante tiel el lasta batalo finopunkton de sia tuta kasto. Al ĉi tiu centro direktiĝas la vojoj de la rolantoj de la romano : Nederlandaj koloniistoj kun Hollywood-aj koloniismaj sentoj, familianoj de Balia princo kun Freudeskaj psiĥoj, Baliaj kamparanoj kun kvekeraj erotoj. Se ni iom streĉas nian imagon, ni kvazaŭ ĝuas kolorfilmajn kolorojn kaj ekzotajn odorojn de Pariza ĉina restoracio. Kaj multe da homoj tion amegas! Ili certe amos ankaŭ la facile legeblan libron de V. Baum, kiu alportos al ili tiom da ĝuindaĵoj, kiom ili trovas en plejparto da filmoj sur la ekranoj de siaj televidiloj. Mia nura bedaŭro estas, ke verkojn de Musil, Miller, Joyce, Nabokov, Malraux, Mann kaj de multaj aliaj, ni daŭre ne povas trovi en Esperanto.

*EdZ*

** **Baum (Vicki).** Aŭstrodevena Usona romanistino (Wien, 1888a — Hollywood, 1960a). Aŭtoro de granda, facila, popol-plaĉa verkaro, ĉefe konata pro „Homoj en hotelo" (1929a), kiun Hollywooda filmfarejo enfilmigis, kun Greta Garbo kiel ĉefrolulino. Eble iu memoras ankaŭ pri „Lago por Sinjorinoj" (1932a). Ŝi loĝadis en Usono de 1932a ĝis sia morto.*




## KRUCVORTENIGMO "KVE-6"



HORIZONTALE:

1 - Insulego en la Hinda oceano. 2 - Publikigant' * Fari volonte kaj plezure. 3 - Homprotektanta bestaĵo * Absoluta Vojo * Interjekcio. 4 - Pentra efekto. 5 - Italio * Nov-Zelanda papag' * Malalta plurjara herb'. 6 - Laŭvortaĵ' * Rutenio * Latine : mil. 7 - Komenci * Islama princ' * Aŭstrio. 8 - Ar' de instruataj principoj kaj teorioj * Aktinio. 9 - Japana monunuo * „Fiŝ' de Sankta Petro" * Virnom'. 10 - De malsano al sano.

VERTIKALE:

1 - Reĝo de Salem. 2 - Amita de Ady * Sankta bildo ĉe ortodoksuloj. 3 - Instruarton. 4 - Sufikso * Edzino de Krono * Tuno * Vanadio. 5 - Ano de ĝermana gento * Maŝintrikite lanaĵa. 6 - Urb' en norda Francio * Dolĉa nutraĵ'. 7 - Svedio * Blovinstrument' * Sufikso adverba. 8 - Kaj aliaj * Delikt' en pruntedonado de mono * Ejnstejnio. 9 - Rilata al riverego en Orienta Azio * Parhuful'. 10 - Granda religia movado.



# MOVADA VIVO

## ABONU! REABONU! HELPU!

**LG** ne aperas dum la Eŭropaj feriaj monatoj, tio estas, ke neniun novaĵon la legantoj havis inter la 5a numero (15JUN86) kaj la nuna 6a numero (31OKT86), kiu por multaj el niaj abonantoj estas la lasta numero, se ili ne reabonas. Se via adres-etikedo indikas „**ĜIS N° 6**" kaj se vi volas eviti por via **LG** kromajn elspezojn, estu afabla sendi per poŝtĝiro al poŝtĉekkonto n° **762 79 P NANCY** de „**CLUB D'ESPERANTO DE METZ**" la egalvaloron de 12 ekuoj, tio estas 82 Fs (francajn frankojn). Se vi sendas monbiletojn je pli aŭ malpli granda sumo, ĉar tiel agi estas pli komforte por vi, ne tro gravas, ni kalkulos por vi laŭproporcian abon-periodon. Ni kompreneble akceptas ankaŭ subtenon, eĉ etan, kaj ni antaŭdankas la donacontojn.

## LA 12a INTERNACIA KONFERENCO DE LA NEŬTRALA ESPERANTO-MOVADO EN ATENO (26JUL-2AŬG86)

Rava estis la Atena IK por ĉiuj, kiuj ne tro amas la amaskunvenojn ne sufiĉe Esperantajn. Kiam cento da bonaj esperantistoj renkontiĝas, kaj kiam dum tuta semajno oni ne vidas eĉ izolitan „krokodilon", oni ekhavas la senton, ke Esperanto vere ekzistas. Necesus tri kompletaj numeroj de **LG** se oni volus detale raporti pri ĉi tiu Internacia Konferenco. Kompreneble ĉi tio ne eblas. Ni do klopodos simple resumi la laborojn kaj amuzojn :

La tri ende rimarkindaj dimensioj de la 12a IK estis



*Prezidanto Lapenna dankas S-inon Adda Sakellaropoulou*

- la pritraktado de la ĉeftemo „PACO KAJ LIBERECO"
- la preparoj kaj decidoj koncernantaj la JUBILEAn INTERNACIAn KONFERENCOn de la esperantistaro
- la elstara distra kaj turisma programo.

## PACO KAJ LIBERECO

La ĉeftemo de la konferenco estis pritraktita en sep prelegoj de fakuloj.



*Sokrates Sakellaropoulos*

**S-ro Sokrato Sakellaropoulos** prelegis pri „Libereco, Paco kaj Humanismo en la Antikva Greka Filozofio". Li klarigis kiel la bazaj nocioj de nia moderna politika vivo kreiĝis en Helenio dum senĉesaj bataloj kontraŭ la barbaroj kaj inter helenoj. Ni memorigu, ke s-ro Sakellaropoulos tradukis plurajn verkojn de Platono el la antikva greka lingvo kaj elhelenigis la tutan ILIADO-n, kiu bedaŭrinde ankoraŭ ne estis eldonita.

**S-ro Jean Thierry** reprenis la problemon sub-aspekte de la historiologio kaj prelegis pri la „Historia Formiĝo kaj Aktuala Pravigo de Libereco". Li detale analizis la „inventadon" de homaj rajtoj kaj de la politikaj liberoj fare de pensuloj de la 18a jarcento kaj la misuzojn de ĉi tiuj rajtoj kaj liberoj fare de niaj samtempuloj. La prelego estis bazo de varma diskutado.



*Jean Thierry*

**D-ro Eugène de Zilah** prelegis pri „Konceptaj rilatoj inter Paco kaj Libero". Li distingis inter tri sencoj de la koncepto „paco" : la senkuraĝa submetado por eviti konfliktojn, la nemilito dum kiu oni preparadas novajn militojn kaj la malmilito, kiu estas laŭintenca kreado de institucioj, kiuj forigus la militeblecojn. Nur laŭ la tria senco de la koncepto „paco", esperantismo estas iusence pacismo kaj la Esperanto-Movado, pacmovado. Li longe analizis la koncepton „libero", kaj fondis la eblecon de la paco (aŭ „malmilito") sur la antaŭekzisto de la libero, laŭ vojoj, kiujn jam sekvis Kant, Hegel, Gandhi kaj Sartre. La diskutado, kiu sekvis la prelegon estis daŭrigita dum la filozofia simpozio de la Filozofia Asocio Tutmonda (**FAT**).

**P-ro Duranti** alportis la vidpunkton de religioj pri la kongresa ĉeftemo : „Paco kaj Libereco laŭ grandaj religioj".



*P-ro Angelo Duranti*

**S-ro Walter Zelazny** preparis prelegon, kiun legis kaj defendis dum la diskutado **s-ino Erta Liczmanska**, ĉar la aŭtoro ne sukcesis ĝustatempe ekhavi vojaĝdokumentojn necesajn. Antaŭa estrarano de la Pola Esperanto-Asocio, li elmetis sub titolo : „Paco-Esperanto-Libereco" demandon, ĉu eblas, en iu ajn totalismo, Esperanto, kaj kia?. Aŭ alimaniere : kial totalismo toleras Esperanton kaj kion totalismo atendas pro tio de ĝi. Surbaze de la prelego oni elmontris la dramon, kiun travivas la polaj esperantistoj. Li pacience klarigis, ke uzado de la argumento partopreni aŭ ne la 72-an UK-on havas neniun signifon, ĉar ĉiufoje la partopreno estos venko por sovetiismo. Nur naivuloj aŭ ruzuloj povas pensi, ke partopreno en la 72-a UK manifestiĝos per „solidareco" kun polaj esperantistoj. Bedaŭrinde nia Movado komprenas nek politikajn intrigojn, nek cinikismon de kelkaj figuroj, kiuj ĝis nun prisilentas krimon kaj kaŝas veron antaŭ tiuj, dank'al kiuj vivas Esperanto. Dum la diskuto la samaj ideoj estis esprimitaj pli draste.



*Erta Liczmanska*

**D-ro Klaus Perko** legis la ege teknikan prelegon de **Ambasadoro Ralph Harry** : „Juraj Rimedoj por Paca Solvado de Internaciaj Disputoj". Disreviĝo relativa! La juraj rimedoj por solvi internaciajn problemojn estas malpotencaj kaj povas mem esti fontoj de disputoj.



*D-ro Klaus Perko*

**Prof. d-ro Ivo Lapenna** prelegis post ĉiuj aliaj, probable por instigi la konferencanojn, kiuj venis nur por aŭdi lian klaran kaj elstare belan Esperanton, resti ĝis la fino de la konferenco. Li majstre traktis pri „Politika kaj Jura Aspektoj de la Sovetia Koncepto de Paca Kunekzistado". Ĉiuj scias, ke li estas profesoro de la Universitato de Londono pri sovetia juro, kaj probable la plej elstara monda

specialisto sur sia studkampo. Ĉiuj scias, ke li fariĝis dum siaj pli ol 60 jaroj da Esperanto-aktivado la plej elstara esperantisto. Eĉ tiuj, kiuj ne kapablis sekvi la precizajn kaj profundajn analizojn liajn, estis subjugitaj de lia bela elparolo kaj retorika



*Prof. Ivo Lapenna*

arto. Tiuj, kiuj aldone ion komprenis el la senco de lia prelego, ne foriris dirante, ke li atakadis Sovetion (tamen estos ne tro kleraj homoj, kiuj diros tion!), sed ili penetris en la arkanojn de la Sovetia realpolitiko. La „paca kunekzistado" estas koncepto fabrikita de Sovetiaj cerboj por la propaganda subteno de la Sovetia potenco, ĝi ne estas sindevigo al paco, sed strategio preparita por eluzi la demokratiajn landojn per la gerilo de revolucietoj kaj „liberigaj" militoj, samkiel Suvorov eluzadis la Napoleonan armeon. For de la malestimo al Sovetio, la prelego substrekis la egan lertecon de la Sovetia ekstera politiko. La neŭtraleco ne signifas silenti pri la vero, male, la neŭtraleco estas aktiva nur se oni eldiras ĉiujn verojn, eĉ tiujn, kiujn pro nia sentemaĉo ni ne volus aŭdi.

Ni memorigas al niaj legantoj, ke oni povas aĉeti la arĥivkasedojn pri la prelegoj. La prezo estas po 9 ekuoj. Tiuj, kiuj volas la tutan prelegserion, povas ĝin havi sur kvar kasedoj kaj por la prezo de kvar kasedoj, tio estas 36 ekuoj. Vi trovas kiom valoras unu ekuo en la rubriko PREZOJ KAJ KURZOJ.

## JUBILEA INTERNACIA KONFERENCO
## G R A Z (A), 18 - 25 JUL 87

Tiuj, kiuj neniam organizis mem kongresojn, konferencojn kaj aliajn aranĝojn, ne povas imagi la penojn, la zorgojn pri amaso da detaloj, kiuj havas la organizantoj. La gigantan laboron organizi la Jubilean Internacian Konferencon de la tuta esperantistaro la 12a IK konfidis al unu el la plej talentaj organizantoj de la movado : la aŭstro d-ro Klaus Perko. Oni memoras, ke li jam sukcese organizis la 9-an Internacian Konferencon de NEM, antaŭ kvar jaroj.

Li havos multe pli da laboro, ol antaŭvidite, ĉar al la jam preparitaj programeroj (la inaŭgurado de la jubilea monumento, dudeko da prelegoj pri la atingaĵoj de Esperanto dum cent jaroj en ĉiuj fakoj, la dumkonferencaj kaj postkonferencaj turismaj aranĝoj **Esperante gvidotaj**, ktp) aldoniĝos tute novaj : rektmetodaj Esperanto-kursoj por komencantoj kaj progresantoj, aparta programo por junuloj neemaj aŭ ankoraŭ nekapablaj sekvi la prelegojn, Esperanto-teatraĵoj, publika balo, kaj aliaj.




*Graz, la urbo de la Jubilea Konferenco.*

**LA JUBILEA MONUMENTO** estas finita, sed ankoraŭ ne pagita. Oni povas tamen esperi, ke la esperantistoj komprenos, ke nenio restos el la jubilea jaro, se ne ĉi tiu monumento. Oni povas grumbladi, kritiki, trovi alian, eble tujtuje pli „utilan" uzon de la mono ol la starigo de marmora monumento. Tamen, se oni iom pripensas la aferon, oni komprenas, ke por fariĝi esperantisto, oni devas ekkonscii pri la grava ekzisto de la movado.

Estas monumento dediĉita al Zamenhof kaj Esperanto en la itala urbo Udine. Antaŭ ses jaroj, mi hazarde malkovris ĉi tiun monumenton. Mi estis esperantisto pro pure familiaj kialoj. Min tute ne interesis la esperantistaro, ĝiaj kvereloj kaj problemoj. Post meditado antaŭ ĉi tiu monumento, kvazaŭ la apero de la patra fantomo antaŭ Hamleto, eklumiĝis en mia menso la esperantisma idealo kaj mi decidis, eble por mia malfeliĉo, el esperantoparolanto fariĝi esperantisto. La fono de la kontraŭesperantisma propagando en okcidentaj landoj estas la bagateligo de la Esperanto-fenomeno. („utopio"; „bela, sed science neebla afero";



*Udine (I) : la monumento dediĉita al Zamenhof*

„io, kio modis post la mondmilito kaj malaperis poste"; „lingvo, kiun neniu parolas", ktp). Nia devo estas konstrui kaj lasi post ni neforviŝeblajn spurojn, kiuj elmontros la ekzistadon de la Esperanto-movado, malgraŭ ĉiuj silentadoj, kiuj montros al ni, ke ni multnombre ekzistas.

Dum la Jubilea Jaro esperantisto ne havas la moralan rajton ne partopreni en la komuna fortostreĉo. Ĉu vi imagas la frapon al Esperanto, se dum la inaŭguro de **LA ESPERO**, la ununura jubilea monumento de la esperantistaro, ĉeestus nur kelkaj centoj de esperantistoj? Aŭ pli katastrofe, se oni ne kunigus sufiĉe da mono por elpagi la monumenton? Du trionoj de la mono jam estas kunigitaj, ni devas kunigi la lastan trionon, tio estas ĉirkaŭ **4.000 ekuojn**, kiujn ni probable trovos, ĉar pli kaj pli la veraj esperantistoj ekkonsciiĝas pri la graveco de la afero.

**SENNACIECA ASOCIO TUTMONDA (SAT) jam kontribuis al la starigo de la jubilea monumento.** Ĝia Plenum-Komitato sendis ĉekon je 420 Fs, la 8-an de septembro 1986a, al la sekretariino de ICNEM, sinjorino Madeleine de Zilah. **Universala Esperanto-Asocio** ankoraŭ nenion donis, sed ĝi aperigis en sia oficiala periodaĵo, „Esperanto", la alvokon al ĉiuj esperantistoj por kontribui (LG, n-ro 4, p. 9).

**LA GAZETO** volas kontribui al la sukceso de la JUBILEA INTERNACIA KONFERENCO de la esperantistaro. Pro tio ĝi invitas vin sendi vian kontribuaĵon al :

**CLUB D'ESPERANTO DE METZ**
MCL, 36 rue St-Marcel, F-57070 Metz
postĉekkonto n-ro : 762 79 P NANCY

Ni dankas eĉ pro la plej malgrandaj sumoj, sed laŭ la regularo pri la starigo de la monumento nur la kontribuaĵoj je pli ol 65 ekuoj rajtigas la donacontojn havi honorlokon dum la inaŭgurado kaj serigrafian diplomon, faritan de la bone konata artisto Pierre Gaborit.

## DISTRA KAJ TURISMA PROGRAMOJ

Semajno en Ateno estas neeldirebla feliĉo por ĉiuj kulturamaj homoj. Ni simple nombras la programerojn : Akropolo, muzeoj, vinfestoj, dancospektakloj, klasika teatraĵo, akceptoj privataj kaj solenaĵoj, bankedo, balo, Epidaŭro, Korinto, Mikeno, Nafplio kaj postkongresaj aranĝoj en Kreto. **Ĉiuj turismaj aranĝoj estis tre kompetente gviditaj en Esperanto.** S-ino Adda SAKELLAROPOULOU estis la animo de la loka organiza komitato. Elstare helpis ŝin s-inoj : Polly ZARKADA, Barbara PULIDU, Marula LUKA kaj la tuta Asocio de Heleninoj (MFKA-001).



***Prof. Lapenna kun S-ino Polly Zarkada, organizinto de turismaj aranĝoj***





## LA EMBLEMO DE LA MONDA FEDERACIO DE KULTURAJ ASOCIOJ

La emblemon de **MFKA** kreis fama kaj altvalora artisto franca, vivanta en Danlando, kie li instruas skulpt- kaj pentrarton en Kopenhaga universitato, **majstro Pierre GABORIT.** Kiam li estis juna artisto en Parizo, li jam sentis internacian inspiron, kaj kunlaboris en studgrupo, kiu celis la elkomprenon de la japana grafika arto. En Esperantio oni bone konas la artaĵojn kunirantajn kun la japanstilaj versaĵoj de F. Munniksma, en „Pensoj kaj Protestoj", altvaloraĵo pri kiu **LG** parolos en venonta „NI LEGIS".

La emblemo de **MFKA** estas modernega, samkiel la celita federacia strukturo (ne organizaĵo!). La kvar literoj : M, F, K, A, kunligiĝas sugestante birdon altenflugantan al la perfekteco, esprimita de la cirklo ĉiela, dum la du centraj elementoj de la litero **M** (= mondo) sugestas kunplektitajn manojn amikajn.



**LA 2a INTERNACIA FORUMO DE LA MONDA FEDERACIO DE KULTURAJ ASOCIOJ** okazis je 30JUL86 en ATENO. La forumon prezidis S-ino Erta Liczmanska. La forumo pridiskutis la principojn kaj la regularon de **MFKA**, kaj rajtigis la provizoran sekretarion perkoresponde voĉdonigi la publikajn grupojn por ratifikado. Se la grupoj akceptas per plejmulto la nunan tekston de la du dokumentoj, ĝi estos publikigita en **LG**. La regularo de **MFKA** precizigas la rilatojn inter MFKA kaj ICNEM kaj sufiĉe detale antaŭvidas la konfederacian kunlaboron de Esperanto-grupoj dum la venonta jarcento. Oni povas konstati, ke nenio en la regularo permesas diri, ke **MFKA** estas starigita por konkurenci kun la nunaj Esperanto-organizaĵoj, ke ĝi celus detrui, misfamigi aŭ redukti ilin. Male, la mondfederacio, ankoraŭ tre malgranda, kvardeko da grupoj kun ĉirkaŭ 700 membroj, celas per sia agado ebligi solidarecajn kaj kulturajn agadojn pure esperantismajn, kiujn naciŝtate vasaligitaj organizaĵoj ne povas aŭ ne rajtas, elfari.



*Pierre Gaborit*

**LA 2-a INTERNACIA FORUMO de MFKA,** kunveninte la 30-an de julio en Ateno (GR), konsilas al ĉiuj grupoj de la feredacio :

- 1e : Akcepti la „Principaron de MFKA" kaj la kunirantajn „Difinoj"-n kaj „Reguloj-n de **MFKA**".
- 2e : Partopreni en la JUBILEA INTERNACIA KONFERENCO ESPERANTISTA, kiu okazos en GRAZ (A) je 18-25JUL87.
- 3e : Informiĝi pri la maniero per kiuj okazis indignigaj ŝanĝoj en Pola Esperanto-Asocio.



KIEN NI IROS?

**KULTURA CENTRO ESPERANTISTA**, adreso : Postiers 27, Poŝtfako 771, CH-2301 LA CHAUX-DE-FONDS (CH). Sorĉa pejzaĝo de Ĵurasaj montoj. Svisa perfekteco de komforto. Instrumetodoj ege efikaj. Seminarioj universitato-nivelaj.
- Vintro-feriado: „PROMEN-SKIADO KAJ NATURSCIENCO", 26DEC86-3JAN87, prelegas prof. d-ro Otto Haszpra: „AKVO: DETRUA, VIVIGA, MIRAKLA", kosto entuta: 400 CHs (235 ekuoj)
- Esperanto-staĝoj: 24-28NOV86, 19-24JAN87, 16-21FEB87, 23-28MAR87
- Studaj semajnfinoj: 24-25JAN87, 21-22FEB87, 28-29MAR87
- Pedagogia seminario semajnfina: 7-8FEB87
- Seminarioj de INTERNACIA FERIA ALTLERNEJO (IFA):
- 9-14FEB87, „ANDERSEN KAJ ESPERANTO", instruos d-ro Dirk Willkommen.
- 16-21FEB87, „OKCIDENTA KAJ ORIENTA PENSMANIEROJ", instruos d-ro Eugène de Zilah.
- 23-28MAJ87, „LA GO-LUDO", instruos s-ro Karl-Ernst Peach.



AJ Kultura Centro Esperantista

**28a KULTURA SEMAJNFINO EN HOMBURG-SAAR, 5-7DEC86**, adreso: SEL, Schulstr. 30, D-6601 SCHEIDT (Germanio). Bonvolu aliĝi antaŭ 22NOV86! Aliĝkotizo 15 Ds (7.20 ekuoj). Plena pensio por unu tago 45 Ds (21.60 ekuoj). La prelegserio komencas sabaton posttagmeze je la 14a30.
- prelegserio de Prof. d-ro Juan Régulo: „LA HISTORIO DE LA ELDONEJO STAFETO"
- kursojn por progresantoj gvidos s-ro Adolf Burkhardt, kursojn por komencantoj gvidos s-ro Hermann Behrmann kaj la infanojn prizorgos s-ino Takajo Walz.




**INTERNACIAJ VINTROFERIOJ EN SANKTA MAGDALENA, 27DEC86-31JAN87, 3JAN-10JAN87.** Okazos en Domo Montana, Sankta-Magdalena/Gsies, Sudtirolo, Italio. Petu informojn kaj aliĝu ĉe S-ro EKi Woite, An der Kirche 33, D-6115 Münster/Darmstadt. La tuta semajno por plenkreskuloj kostos 285 Ds (137,00 ekuoj), por studentoj 220 Ds (105,72 ekuoj), por infanoj, de 7 ĝis 12 jaraj, 150 Ds (72 ekuoj). La infanoj malpli ol 6 jaraj neniom pagas!.
Programo: ferii laŭvole en Alpa skiferiejo dum la tago. Vespere Esperanto-kursoj kaj kulturaj aranĝoj (inter ili prezentado de Afganio kaj de la Siñoj fare de d-ro Eugène de Zilah, redaktoro de **LG**, kiun vi povas renkonti en Sankta Magdalena inter la 27a de decembro kaj la 2a de januaro).



*Domo Montana en Sankta Magdalena*

# La 71-a UK de UEA en Pekino

**BONE ORGANIZITA TURISMA ARANĜO**




*du kunlaborantoj de LG kun ĉinaj samideanoj*

*katedralo Sankta Stefano en Pekino, aperta de la lasta Kristnasko, la kristanoj havis ses monatojn por ĉion pretigi. Oni kontroladas, ĉe la enirejo, ĉiujn fidelulojn.*



*malofta dokumento : grupo de ĉinoj postulas surstrate la punadon de policistoj, kiuj mortbatis la patrinon de unu el ili.*





1 EKUO VALORIS JE 20OKT86

| | | |
|---|---|---|
| 14.644 As | 140.761 GRs | 152.829 Ps |
| 48.851 Bs | 48.609Hs | 209.828 PLs |
| 0.973 BGs | 1440.199Is | 6.868 Ss |
| 1.702 CHs | 1.563 ILs | 5.084 SFs |
| 2.081 Ds | 42.281 ISs | 0.712 SUs |
| 7.840 DKs | 162.101 Js | 340.865 TGs |
| 4.867 DZs | 48.851 Ls | 0.879 TNs |
| 138.133 Es | 9.133 MAs | 743.857 TRs |
| 6.817 Fs | 7.654 Ns | 1.051 USAs |
| 0.732 GBs | 2.353 NLs | 424.690 YUs |

LA GAZETO utiligadas nur la ekuon kiel monunuon. La ekuo estas Eŭrop-Komunaĵa Unuo (**EKU**) de kalkuloj. Kiam temas pri naciaj monunuoj LA GAZETO nomas ilin "**spesoj**", kaj, por difini ilian fontoŝtaton, metas la internacian poŝtkodan mallongigon antaŭ ilin. Ekzemple, "26 Ds" signifas : "26 germanaj markoj el Federacia Germanio", kaj "26 DDRs", "26 germanaj markoj el Popoldemokracia Germanio". Vi trovos la kurzojn de la spezoj de ĉiuj landoj, kie oni legadas LA GAZETO-n.

## KIAJN AŬTOMOBILOJN UZAS EŬROPANOJ?

Ni esperas utili al la esperantistaro publikante statistikojn pri ĉiutagaĵoj. Eble interesos vin la „naciecoj" de la aŭtomobiloj, kiuj trafikadas sur niaj vojoj, tio estas kiom da homoj el mil stiradas francan, germanan, k.a. veturilon?

| O/OO | 1970a | 1981a |
|---|---|---|
| franca | 277 | 273 |
| germana | 264 | 265 |
| itala | 207 | 151 |
| Ford-Eŭ | 118 | 121 |
| brita | 89 | 50 |
| sveda | 30 | 23 |
| japana | 8 | 89 |
| alia | 7 | 28 |






Internacia Asocio de Handikapitaj Esperantistoj (**IAHE**) estas eĥo de la bezonoj de invalidaj esperantistoj kie ili kun siaj fortoj kaj kapabloj kune kun aliaj partoprenas en la solvado de siaj pluroblaj problemoj kaj problemoj de la monda komunikado pere de Internacia Lingvo Esperanto.

La Asocio eldonas dumonatan gazeton „**Voĉo de Handikapuloj**" en kiu povas esprimiĝi handikapitaj kaj ne handikapitaj homoj per siaj traktadoj de la problemoj ligitaj al handikapitoj el kultura, socia, medicina k.a. sferoj. (Jarabono estas 5.- US $).

Ni invitas ĉiujn handikapitojn kaj helpopretajn homojn aniĝu al nia Asocio kaj petu pli detalajn informojn ĉe : **IAHE**, Školska ul. 25, YU-56227-Borovo, Jugoslavio.

## ŜAKPROBLEMO „ ŜPB - 6 " DE PASKALO

Situacio de la blankularo : reĝo = B8, damo = A8, turoj = A5/E4, peono = F3. Situacio de la nigrularo : reĝo = D5, turoj = C1/C6, kuriero = A1, peonoj = A2/C3/C5/D6/D7. La blankuloj ekludas kaj matigas post kvar paŝoj. La tri unuaj solvintoj ricevos premion se ilia solvo alvenos antaŭ 15DEC86.







## JUDAJ RAKONTOJ

Estis terura sekeco. Al rabeno venis delegacio de kamparanoj por peti miraklon, ke iĝu pluvo. Rabeno faris severan mienon kaj deklaris :
– Miraklo ne okazos, ĉar kredo je Dio mankas.
– Kial tiel, rabeno, ja ni venis al vi peti la miraklon. Kial do, diras vi, ke la kredo mankas?
– Jes, ĝi mankas, ĉar se vi kredus je Javeo, vi estus venintaj jam kun pluvombreloj.



* * *

Dum la entombigo de unu loka riĉulo, la tombejon venis amaso da homoj. En ĝi, plejproksime de la tombo, staris malriĉe vestita viro, verŝanta krokodilajn larmojn. Lia apudulo ekdemandis lin :
– Ĉu vi estas plejproksima parenco de tiu mortinto?
– Ne, neniun parencecon mi havas kun li.
– Ja, do pro kio vi ploregas?
– Ĝuste pro tio!

* * *

Unu komercisto estis konata pro tio, ke li ne repagadis siajn ŝuldojn. Iun tagon, unu el iliaj amikoj trafis lin dum li estis aranĝanta iun intereson, kaj obstine pritraktanta la prezon, kun sia liveranto. La amiko prenis lin flanken kaj demandis :
– Diru, Abram, kial vi tiel obstinas? Ja vi scias, ke vi al li ne pagos.
– Jes, sed vidu, li estas tiom boneca homo, ke mi volas, ke li perdu malpligrandan sumon.

*El la libro MADROŚCI ŻYDOWSKIE, Wiedza Powszechna, Warszawa 1961, kompilita laŭ anekdotoj de polaj judoj fare de* ***Aleksander Drożdżyński,*** *tradukis el la pola* ***Erta Liczmańska***

## LA DEKERARA TEKSTO

*Ni malice enŝovis (almenaŭ) dek erarojn en la suban tekston de Gogol. Ĉu vi kapablas ilin retrovi? En ĉi tiu sama numero de LG vi trovos ankaŭ la esperebIe seneraran tekston de la sama citaĵo, laŭ la traduko de L.L. Zamenhof.*

Nu, en certaj okazoj multe da saĝo estas pli malbona, ol se oni ĝin tute ne havus. Cetere, mi nur pro okazo ektuŝis al distriktan juĝejon; kaj por diri la veron, mi dubas, ĉu iu tie enrigardos; ĝi estas jam tia enviinda loko, Dio mem ĝin favoras. Sed jen vi, Luka Lukiĉ, vi kiel inspektoro de lernejoj, devus ekzorgi precipe rilate kun instruistoj. Ili, sendube, estas homoj instruataj kaj ricevis edukon en diversaj kolegioj, sed ili havas tre strangajn manierojn, kiuj kompreneble estas nedisigeblaj de scienca rango. Unu el ili, ekzemple, tiu persono, kiu havas dikan vizaĝon... mi ne memoras lian nomon, neniel povas sindeteni de tio, ke, suririnte sur la katedron, li ne faras grimacon jen tiel *(Faras grimacon),* kaj poste li komencas el sub la kravaton gladi sian barbon. Kompreneble, se li al lernanto faros tian fizionomion, ĝi ne estas ankoraŭ io grava: eble oni tiel eĉ devas fari, pro tio mi ne povas juĝi; sed vi konsideru mem, se li faros tio ĉi al la vizitanto, – ĝi povas esti tre malbona: sinjoro la revizoro aŭ iu alia povas rilatigi tion ĉi al si. El tio povas elveni, la diablo scias, kion.

### Jubilea Internacia Konferenco de la tuta Esperantistaro





# KRONO DE L' SONETOJ

## FRANCE PREŜEREN
## TRADUKIS: TONE LOGAR

Ke la soneto estas plej delikata, plej postulema, plej „rafinita gemo" poezia scias ĉiu literaturisto. Kiam oni vidas la titolon „Krono de l'sonetoj", tiam oni tuj ekkonscias la malfacilegan taskon de tradukisto kaj kun komprenebla scivolemo sekvas lin de soneto al soneto. Tralegínte ĉion, mi povas nur plenmire kaj plenestime konstati ke tradukisto **Tone Logar** brile plenumis sian taskon. Dek kvar sonetoj laŭritme kaj laŭsignife fidelas al originalaj (tiom, kiom mi, ukraino, povas kompreni la parencan slovenan lingvon). La sonetoj sekvas unu la alian kaj por la lasta dek kvina

*Eliĝas kaj reiras en kolonon*
*Jaŭvice verso de l'soneto* (1)

Kaj tio ankoraŭ ne estas la tuto! ja la lasta soneto ne nur konsistas el la unuaj versoj de dek kvar sonetoj, sed ĝi samtempe estas akrostiko. Rigardinte atente, ni tralegos dediĉon : Al Primic Julija.

Akompana vorto de Vinko Oŝlak koncize rakontas al ni vivon de la plej granda slovena poeto-romantikisto de la 19-a jarcento, lian profundan amon al Slovenio kaj al fraŭlino Julija Primic :

*En la krono interplektiĝas ambaŭ amrilatoj, subtenas kaj vekas unu la alian. La vizio de ĉi tiu sonetaro estis rehabilito de slovena popolo kaj ĝia memstara kulturo — kaj realiĝo de lia amo al Julija.*

Ambaŭ amoj estas nedisigeblaj, ambaŭ plenas de doloro kaj suferoj. Julija — „knabino kun la kor' fiera" — ne reciprokas la poetan amon. Dezirata, sopirata, persekutanta la poetan imagon („Multfoje pelas min tra urba strato deziro vidi mian ampersonon") Julija samtempe ne estas anime proksima al la poeto. Ja ŝi ankaŭ ne havas saman amon al la slovenaj popolo kaj lingvo. La poeta koro simile al „vento milda en aŭroro"

*Ektimis ĝi, ke vi kaj via floro*
*slovendevena kaj germanprefera*
*ne ŝatos ĝin pro hejma vort' tenera,*
*gepatran vorton lasos en ignoro.* (6)

France Preŝeren aperigis sian libron en la 1834-a jaro. Ĝi estis periodo de la slava renesanco. Oŝlak skribas : „En proksimume sama epoko ĉiuj slavaj nacioj naskis siajn literaturajn geniulojn : ĉe rusoj Puŝkin, ĉe poloj Mickiewicz, ĉe ĉeĥoj Màcha, ĉe kroatoj Mazuranic, ĉe montenegranoj Njegos, ĉe slovenoj Preŝeren." Nepre ni aldonas : ĉe ukrainoj Taras Ŝevĉenko kaj en okcidenta Ukrainio (Galicio) la **Rutena triopo** : Markijan Ŝaŝkeviĉ, Jakiv Holovackij, Ivan Vahileviĉ. Por ĉiuj poetoj de la renaskiĝinta slava poezio, la demando pri la lingvo iĝis unuaranga. Gepatra lingvo estas konsiderata kiel la plej granda valoro, plej defendenda perlo, plej esenca aĵo sen kiu la popolo kiel tia ĉesas ekzisti. Lukto por la gepatra lingvo; senlaca serĉado kaj registrado de popolaj kantoj, fabeloj, legendoj, profunda interesiĝo pri historio de sia propra lando — ĉio ĉi iĝas baza agado por ĉiuj slavaj poetoj de tiu epoko.

La krono de l'sonetoj de France Preŝeren komenciĝas per dediĉo al slovenoj : „Al vi sloven' mi novan verkas kronon".

La poeta animo entenas en si ĉion : tragediojn de pasintaj epokoj, maltrankvilon pri la nuna situacio de slovena popolo, esperon pri estonto („Ŝanĝiĝos iam tempoj por slovenoj"). Ĝi estas koncentrita doloro slovena, doloro kaŭzita ne nur pro jarcentoj de submetiĝo; fremda jugo kaj neniigo de la slovena kulturo. Eĉ pli akraj estas

*Doloraj pensoj, ke sloveno sian*
*patrinon amas ne...* (9)

La poeto elpaŝas kiel vekiganto de la nacia konscio, ĝia sintezilo. Ja nur estante konscia pri si mem kiel popolo, pri memstareco de sia kulturo oni povas alporti ion por la tuta homaro. Nur estante profunde nacia, la poeto iĝas vere internacia. Tia poeto estas France Preŝeren.

Mi estas dankema al ĉiuj, kiuj klopodis pri eldono de ĉi tiu malgranda, sed bonguste aranĝita (kun belaj grafikaĵoj de **Valentin Oman**) libreto, kiu aŭdigis al mi batantan koron de France Preŝeren, komprenigis min pri slovena animdoloro kaj problemaro.

*La vundoj miaj estos la memoro*
*al vi slovenoj en estontepoko* (2)

La kordoloro de France Preŝeren eniras ankaŭ min. Ja ĉi doloro ne elĉerpiĝis, ĝi aktualas ankaŭ nun. Ĝi estas ankaŭ tuthomara aspiro pri mondo pli justa, pli feliĉa, sen baroj kaj malamo; mondo en kiu ĉiu gento estos libera kaj ĉiu lingvo plenrajta; kaj en bunta bukedo de lingvoj kaj kulturoj floros la Esperanta kiel aparta kultura fenomeno, kiel ligilo inter kulturoj kaj samtempe garantiilo de ilia ekzisto.

*Enko*






# mortis Ludoviko Mimoo

Mortis **Ludoviko Mimoo** (Luis Mimo Espinalt). Li forpasis la unuan de majo de ĉi tiu jaro pro subita malfunkcio de la koro. Kiu li estis? Tro multon pri li oni nek aŭdis nek legis. Kaj tamen li estis unu el la plej memdonaj, plej pasiaj, plej sagacaj, plej gravaj Esperantistoj. Dum multaj jaroj lia destino estis prisilentado.

„Eble estis stultaĵo, ke mi eklernis Esperanton," li iam skribis, „sed mi pasie klopodadis kaj plu klopodas ellerni ĝin."

Tre frue jam Ludoviko Mimoo estis publikiginta LERNOLIBROn DE ESPERANTO, pri kiu **Delfi Dalmann** estis dirinta, ke ĝi „ne estas plia lernolibro, sed escepta". En 1961 sekvis la nur sesdekpaĝa, tamen tre grava broŝuro pri la PERFEKTECO DE LA ESPERANTAJ VERBOJ kaj du jaroj poste, en 1963, ties dudekpaĝa suplemento DECIDAJ ARGUMENTOJ. Tiam jam furiozis ATA/ITA-disputo kaj per ambaŭ broŝuroj Ludoviko Mimoo decide prenis la partion de la tempistoj. Kvankam grupo de Akademianoj proponis lin kiel kandidaton por la Akademio, ties estraro malebligis lian elekton, kio provokis fortan proteston de Teo Jungo.

Ludoviko Mimoo kompilis ankaŭ Hispanan-Esperantan vortaron, kiu verŝajne neniam estos publikigata. Li krome prilaboris la Hispanan parton de la INTERNACIA KOMERCA-EKONOMIA VORTARO EN NAŬ LINGVOJ (international business dictionary in nine languages), kiu aperis en 1975 en Antverpeno. Du jarojn antaŭe, en 1973, li estis eldoninta sian KOMPLETAn LERNOLIBRON DE REGULA ESPERANTO, sur kies titolpaĝo jam aperis la (almenaŭ tiam) iom enigma, nekutima kaj memcerta etikedo ANALIZA SKOLO. En tiu nomo konciziĝas la Mimoaj konceptoj pri Esperanto kiel science esplorebla kaj science evoluigebla lingvo, lia konvinko, ke la deksesregula kodo, kvankam ne kompleta, ebligas kompletigi ĝin per strikta apliko de la logiko. En tio li estas multe pli Zamenhofa ol tiuj Esperantistoj, kiuj volonte imitas iun pli aŭ malpli hazardan kaj certe ne ĉiam oportune uzatan Zamenhofan lingvaĵeron. „En la Lingvo Internacia", ja diris Zamenhofo, „oni devas obei sole nur la logikon."

La esperoj, kiujn Ludoviko Mimoo estis metinta sur la publikigon de lia lernolibro, montriĝis vanaj. Neniu provis kaj verŝajne ankaŭ ne povis refuti liajn konceptojn. Neniu ankaŭ kuraĝis publike aprobi ilin. Ĉirkaŭ ili do fariĝis densa muro de silento.

Nu, tiu „kompleta" lernolibro estis tute ne, aŭ pli bone dirita ne tute, kompleta. Tion tre baldaŭ eltrovis Ludoviko Mimoo mem kaj li daŭrigis siajn studojn en ĝis tiam preskaŭ ne prilaboritaj kampoj. De sia „kompleta lernolibro" li do skribis duan parton, kiu ekzistas nur en formo de 40paĝa manuskripto, titoloita ESPERANTO PERFEKTA. Ĝiaj ĉapitroj estas ARTIKOLO / EGALECA KOMPARACIO / LA REFLEKSIVO / PRI LA VERBOJ kaj LA VORTOJ. Ĝi estas sen indiko de dato, sed verŝajne skribita en 1980. Sed tio ankoraŭ ne sufiĉis al li. Liaj lingvaj pripensadoj ja ne ĉesis, kaj li pliampleksigis kaj kunfandis la du partojn. La nova manuskripto, de kiu ekzistas nur malmultaj ne tre bone legeblaj ekzempleroj, estis preta en 1984. Ĝia titolo estas ESPERANTO POR LA JAROJ DU MIL. Ĝi estas la kulmino de lia verkado kaj kvazaŭ lia testamento. Per la titolo li intencis indiki, ke antaŭ tiuj jaroj la Esperantistoj apenaŭ malkovros la eminentan gravecon de regulita lingvo. Ni esperu, ke almenaŭ unu ekzemplero konserviĝos ĝis tiam. Multe pli bone ja estus, ke la Akademio aŭ UEA ekkonu ties gravecon jam hodiaŭ kaj prizorgu ĝian publikigon. Tio estus ne nur ioma rebonigo de la maljusteco, kiun Ludoviko Mimoo devis amare suferi dum sia vivo, sed verŝajne ankaŭ la plej bona rimedo por ŝirmi Esperanton kontraŭ definitiva ĥaosiĝo. Ne malmultajn personojn mi konas, kiuj tuj aĉetus la verkon.

Sed Ludoviko Mimoo estis ne nur la izola gramatikisto, kiu neŝanceliĝante kaj firme plenumis sian mision, li estis ankaŭ rimarkinda tradukisto, kiu montris al ni, kia devus esti Esperanto laŭ la konceptoj de la ANALIZA SKOLO : racie regulita, simpla kaj bela. Tiel li tradukis en 1975 DU amuze spritajn KOMEDIOJN de la Kataluno **Carlos Soldevila** kaj en 1980 la faman versan dramon DON JUAN' TENORIO de **José Zorrilla** (1817-1893). Lia traduko de la romano DONA PERFEKTA de **Benito Pérez Galdòs** (1843-1920) restis ĝis nun nepublikigita.

Funebri pri la tro frua forpaso de Ludoviko Mimoo devus la tuta Esperantistaro. Sed multaj ja eĉ neniam aŭdis pri li. Des pli funebras pri li tiuj, kiuj ne hezitis studi lian verkaron, kaj certe ili simpatie kunsentas kun lia **kara edzino kaj samideanino,** al kiu li dediĉis sian manuskripton ESPERANTO PERFEKTA.

***Rikardo* ŜULCO**

## CSEH-METODO EN NOVA „PROFESIA" VESTO

La centjariĝo de Esperanto postulas de ni ĉiuj specialan atenton sur diversaj kampoj de nia agado, sed speciale se temas pri la instruado.

La Internacia Esperanto-Instituto (IEI), kies celo estas eduki Cseh-metodajn instruantojn, konstatis, ke tiuj bezonas ne nur bonan lingvo-konon, sed ankaŭ trejnadon en la metodo mem.

Oni diras ke „ne estas malbonaj lernantoj, sed estas nur malbonaj instruantoj". Unu el la kaŭzoj kiuj bremsas la disvastiĝon de Esperanto estas NE TAŬGA instruanto aŭ NE TAŬGA instrumetodo. Cseh-metodo, uzata de BONA Cseh-instruanto, donas miraklajn rezultojn. Lernantoj ne malaperas de la kursoj, sed kontraŭe, la metodo allogas novajn kursanojn kaj la kurso finiĝas kun pli granda nombro de lernantoj ol per kiu ĝi komenciĝis. Kvankam la metodo jam estas aplikata dum pli ol 60 jaroj, tiu fenomeno ankaŭ nuntempe ripetiĝas, kiam BONA instruanto gvidas la kurson (ekzistas bedaŭrinde ankaŭ fuŝuloj!).

BONA Cseh-instruanto devas ne nur bone koni la lingvon kaj ĝian strukturon, sed (kaj precipe) kapabli komprenigi novajn vortojn helpe de diversaj objektoj, kaj kapabli komprenigi la gramatikon kaj ĝian funkciadon per taŭgaj ekzemploj. Tion oni ne povas proprigi al si aŭtodidaktike. Por ebligi al E-instruantoj atingi profesian instru-nivelon kaj diplomon kiu rajtigos ilin instrui eksterlande, IEI ne nur revizias la Cseh-kurson sed ankaŭ funkciigis tri-ŝtupan trejnadon: seminario A (enkonduka), seminario B (pliprofundiga) kaj seminario C (diplomiga). Ĉiu seminario daŭras 25 studhorojn. La tuton gvidas kunlaborantino de IEI, s-ino A. Childs-Mee el Roterdamo.

Dum la seminario A la partoprenantoj konatiĝas kun la metodo, teorie kaj praktike, observante lecionojn kiuj estas gvidataj laŭ ĝi; konstatas ĉu ili taŭgas por tielspeca instruado, ofte konsciiĝas ke ilia lingvo-kono ankoraŭ ne sufiĉas por instrui kaj komencas serioze studi la lingvon. Se la metodo konvenas al ili, ili aliĝas al seminario B por ne nur pliprofundigi la lingvo-scion, sed ankaŭ studi la metodikon de E-instruado, diskuti instru-malfacilaĵojn, kaj interŝanĝi spertojn. La seminario C finiĝas per 20-minuta provleciono (gvidata de ĉiu seminariano), dum kiu ekzamena komisiono povas konstati la nivelon de la instruanto kaj ties kapablon uzi la metodon. Dum la seminario C oni ankaŭ konatiĝas kun aliaj rektmetodaj instrumaterialoj.

Inter la Esperantistoj ŝvebas la falsa opinio ke Esperanto estas tiel facila lingvo, ke ĉiu kiu povas ĝin paroli ankaŭ kapablas ĝin instrui. Paroli la lingvon kaj instrui ĝin estas du tute diversaj aferoj, kaj plene eraras tiuj, kiuj asertas ke „por instrui Esperanton oni bezonas koni nur unu lecionon pli ol la lernanto!". Sekve de tia falsa opinio/teorio pluraj komencas instrui, faras tion amatore, ofte malbone, timigas la lernantojn, kiuj seniluziigitaj foriras por neniam reveni, aŭ, se ili restas, ili fariĝas „eterna komencanto". Por eviti tion IEI ebligas al kandidat-instruantoj profesiiĝi en la instruado laŭ la Cseh-metodo.

Kandidatoj, kiuj plenumos la postulojn de la tri seminarioj

- ricevos rajtigilon de diplomita CSEH-instruisto
- estos enskribitaj en la registron de IEI kaj rajtos gvidi Cseh-kursojn aŭ Cseh-seminariojn ie ajn en la mondo laŭ invito de E-grupoj kiuj bezonas helpon tiurilate
- rajtos profiti de la „Help-fonduso Andreo Cseh" ĉe IEI.

Por la ĵus menciita help-fonduso IEI volonte akceptas financan subtenon de personoj, kiuj opinias, ke la profesiigo de E-instruantoj estas necesa kaj apogenda. Pagoj estas bonvenaj al la poŝtĝirkonto 508601 nome de HELP-FONDUSO ANDREO CSEH, p/a IEI, Riouwstr. 172, NL-2585 HW DEN HAAG, Nederlando.

*M. v.d. Horst-Kolinska*

## EBLECOJ KAJ MALEBLECOJ DE ESPERANTO

En la kadro de la estonta Jubilea Jaro ni analizu la eblecojn kaj maleblecojn de nia Internacia Lingvo. Se la rapideco kiu koncernas la progreson de nia lingvo ne kreskos, verŝajne daŭros ankoraŭ dum du aŭ tri jarcentoj antaŭ ol ĝi estos ĝenerale konata kaj uzata. Kiamaniere akceli tiun limak-iradon?

En demokratio ne eblas konvinki tutan popolon aŭ eĉ kontinenton pri la neceso eklerni kroman fremdan lingvon! Do: neniu nacia politikisto riskos serioze proponi tian projekton, ĉu jes? Tial la projekto de la profesoroj Helmar Frank (Paderborn), Edward Symoens (B) kaj Andrea Chiti-Batelli (Romo) provizore verŝajne ne sukcesos. Mi tamen vidas du eblecojn!

UNUA EBLECO

Laŭ mi la unua ebleco estas nur helpi venki la malfacilaĵojn en la reprezentantaj instancoj en EŬROPO (EK), la EŬROPA KONSILANTARO, UNO, UNESKO kaj organizo de NE-ALIĜINTAJ LANDOJ. Speciale en la unuenomita kazo la situacio estas favora, pro la koncerna artikolo en la Traktato de Romo kaj en la Eŭropa Deklaracio pri la Homaj Rajtoj, kion akcentis d-ro Umberto Broccatelli (Romo). Vi tamen scias, ke la Eŭropaj delegitoj grandparte tion ne deziras, kaj sekve ili eĉ rifuzas lerni kaj uzi Esperanton. Ankaŭ tio do






nun estas malebleco! Kiu nura ebleco do nur restas? Peti aŭ postuli ke la dungitaj oficistoj (buŝkaj aliaj tradukistoj) eklernu Esperanton! Ili ja estis selektitaj kiel elstaraj, lertaj lingvistoj, kiuj certe baldaŭ kapablos plenumi ankaŭ siajn novajn taskojn!

Ĉu la ĉefino de la lingva servo de la Eŭropa Komisiono ekhavus la ŝancon fari tion kiel rimedon por teknike plibonigi la labormetodon de sia servo?

Ŝi, s-ino van Hoof, jam kontaktis la EEC-on en Bruselo, sed bedaŭrinde senrezulte. Ŝi ja enŝaltis italan tradukiston pri kiu oni jam antaŭe sciis aŭ timis, ke li estas kontraŭulo. Li simple raportis, ke Esperanto sonas kiel malbela itala dialekto, kio signifis la finon de la aferoj almenaŭ provizore. Verŝajne ŝovinismaj fortoj en Eŭropo ĝenis kaj ĝenas s-inon van Hoof, atingi la plej bonan solvon por siaj problemoj. Se ni nur disponus pri personeco kiel prof. d-ro Ivo Lapenna, la venkinto de Montevideo!

Laŭ la EEC ekzistas forta rezisto kontraŭ la ponto-lingva sistemo (PLS). S-ino Anne Tilmont konfirmas, ke tiurilate eble nur la malplej drasta interveno (ŝanĝo) iam estus realigebla : apliki la Peresperanto PLS-on **nur** kaze de evidentaj malfacilaĵoj, do nur por ekz. la Dana, Greka, Nederlanda kaj (estonte) la Portugala. Por la buŝ-tradukanto de tiuj lingvoj kelkfoje jam nun estas uzata (kiel kriz-aranĝo) iu ajn alia nacia lingvo kiel pontolingvo.

Tio tamen estas precize, kion la Parta Peresperanto Pontolingva Sistemo prezentas! Tamen, per nur unu, neŭtrala, ne-diskriminacia lingvo!

Ankoraŭ fojon : estu ni modestaj kaj kontentiĝu malegoisme helpadi internaciajn organizojn!

DUA EBLECO

La duan eblecon prezentas la literaturo. Ni konsciu ke neniu ne-esperantisto iam legas aŭ legos esperantlingvan libron, nek prozon, nek poezion!

La ebleco sur tiu ĉi tereno do nepre ne kuŝas kaŝita en la skribita aŭ presita literaturo, sed tamen en la aŭdebla formo : en la deklamado! Aparte en la deklamado de poemoj. Se eble, ni do partoprenu internaciajn poeziajn festivalojn, kiel „Poetry International" en Roterdamo aŭ/kaj „Eŭropa Poezia Festivalo" en Loveno (Belgio) ktp, ktp.

Kompreneble : nur, se iliaj programoj inkluzivas traduk-projekton!

Tiukaze oni ne kontentiĝu je nura tradukado (kvankam estas interese, kiam la esperantlingvaj tradukaĵoj estas enpresitaj en la festivallibron!), sed emfaze deziru ankaŭ prezentadon sur la scenejo! Oni do postulu kompletan egalrajtecon kaj en la tradukejo, dum la eventualaj traduk-sesioj, kaj dum la porpublikaj prezentadoj.

Niaj spertoj en Roterdamo montras, ke la esperantlingvaj kaj aliaj poetoj kaj tradukistoj efike helpas unu la alian, do reciproke, kaj bonege interkonatiĝas. Krome, kio laŭ mi certe estas la ĉefpunkto : aŭdigas al interesita publiko, ke Esperanto ekzistas kiel taŭga kaj belsona lingvo en kiu la poeto kapablas esprimi siajn plej belajn kaj plej profundajn pensojn!

*van Terwisga*

---




## LA DEKERARA TEKSTO SENERARIGITA

Nu, en certaj okazoj multe da saĝo estas pli malbona, ol se oni ĝin tute ne havus. Cetere, mi nur pro okazo ektuŝis **la** distriktan juĝejon; kaj por diri la veron, mi dubas, ĉu iu **tien** enrigardos; ĝi estas jam tia enviinda loko, Dio mem ĝin favoras. Sed jen vi, Luka Lukiĉ, vi kiel inspektoro de lernejoj, devus ekzorgi precipe rilate **la instruistojn**. Ili, sendube, estas homoj **instruitaj** kaj ricevis edukon en diversaj kolegioj, sed ili havas tre strangajn manierojn, kiuj kompreneble estas nedisigeblaj de scienca rango. Unu el ili, ekzemple, tiu persono, kiu havas dikan vizaĝon... mi ne memoras lian nomon, neniel povas sindeteni de tio, ke, suririnte sur la katedron, li ne **faru** grimacon jen tiel *(Faras grimacon)*, kaj poste li komencas el sub la **kravato** gladi sian barbon. Kompreneble, se li al lernanto faros tian fizionomion, ĝi ne estas ankoraŭ io grava: eble oni tiel eĉ devas fari, **pri** tio mi ne povas juĝi; sed vi konsideru mem, se li faros **tion** ĉi al la vizitanto, – ĝi povas esti tre malbona: sinjoro la revizoro aŭ iu alia povas rilatigi tion ĉi al si. El tio povas elveni, la diablo scias, **kio**.

# IOM DA GRAMATIK(L)A MATEMATIKO

**S U B T R A H O** — $7 - 5 = 2$
sep minus kvin faras du / kvin el sep estas du.
sep estas la malpliigato, kvin la subtraho, kaj du la diferenco.

**A D I C I O** — $9 + 3 = 12$
naŭ plus tri faras dek du / naŭ kaj tri estas dek du.
dek du estas la sumo de naŭ kaj tri.

**- O P -** la sufikso ebligas formi kvantajn vortojn kun la signifo **ĉiuj kune** : Tiuj ĉi du amikoj promenas ĉiam duope.
Kvinope ili sin ĵetis sur min... /Fundamento §14/
Fadeno triopigita ne baldaŭ disŝiriĝos. /Z/
Marŝi triope (en grupoj de tri).

**M U L T I P L I K O** — $5 \times 7 = 35$
kvinoble sep faras tridek kvin / kvin per sep estas tridek kvin.
tridek kvin estas la kvinoblo de sep.

**F O R M A T O** — $21 \times 27$ — formato de dudek unu per dudek sep.

**— O B L —** la sufikso ebligas formi kvantajn vortojn kun la signifo **„tiomfoje kiom montras la radiko" : Obligante vin per sep oni ricevas tridek kvin.** Certe kiel duoble du kvar! /Z/

**D I V I D O** — $23 \div 4 = 5 / ( 3$
dudek tri dividite per kvar faras kvin restas tri / kvarone dudek tri estas kvin sed restas tri.
dudek tri estas la dividato, kvar la dividanto, kvin la kvociento kaj tri la resto.

**— O N —** la sufikso ebligas formi kvantajn vortojn kun la signifo **tiom da egalaj partoj de tuto** : Tri estas duono de ses. Ok estas kvar kvinonoj de dek. Unu tago estas tricent-sesdek-kvinono aŭ tricent-sesdek-sesono de jaro. /Fundamento §14/

**F R A K C I O** — $5 / 7$
kvin sur sep / kvin seponoj.
kvin estas la numeratoro, sep la denominatoro.
**Oni tre ĝuste skribu la cifergrupojn :**
23/1000 — dudek tri milonoj
20/3000 — dudek tri-milonoj
20 3/1000 — dudek kaj tri milonoj.

**D E C I M A L A F R A K C I O** — 0,5
nul komo kvin / 7,05 sep komo nul kvin.

**P O T E N C I G O** — $13^7$
dek tri en la sepa potenco
$3^3 = 27$ la tria potenco de tri estas dudek sep.

**E L R A D I K A D O** — $\sqrt[3]{27}$
la radiko de dudek sep per tri estas tri.
$\sqrt[2]{\ }$ kvadrata radiko / $\sqrt[3]{\ }$ kuba radiko.

**P R O P O R C I O** — $3/6 = 2/4$
tri rilatas al ses, kiel du al kvar.

**D A = D E I A**
prepozicio, **DA** enkondukas kvantan komplementon, sed de **kvanto tute ne difinita (IA).**
peco **da** papero — sed peco **de glacea** papero.
peco **da** ŝtofo — sed peco **de riĉa** ŝtofo.
garbo **da** diantoj = diantoj en kvanto de garbo.
garbo **de** diantoj = garbo el speco de diantoj.

**Oni ne uzu 'da' antaŭ la artikolo la :**
**tago** estas elemento de la semajno / sed tago estas elemento da tempo.

**antaŭ 'ĉiuj' kaj 'tuta' :**
nur du tagoj el la tuta semajno / sed du tagoj da tempo.

**antaŭ montraj, posedaj, kaj nombraj posesivoj aŭ adjektivoj :**
iom de tiu ĉi fromaĝo / sed iom da fromaĝo.
kelke el niaj amikoj / sed kelke da amikoj.
kredito de mil frankoj / sed mil frankoj da kredito.

**antaŭ preciza kvanto :**
kvarono de horo / sed multe da horoj.

**P O = en egalaj partoj konsistas el...**
prepozicio, PO supozigas numeralon por indiki distribuatan kvanton.
**po du** gardistoj staris antaŭ la pordoj.
la daŭro de la ekzamenaj provoj estu **po unu** horo.
li donis **po tri** pomojn al la infanoj.
lecionoj **po dudek** spesdekoj por horo /Z/.
**A t e n t u** : veturi **po 90** kilometrojn en horo / sed tute ne : 90 kilometrojn po horo.

*J T*

# KIA VARMEGO!

- La korn'a vipur'o ne tro long'e viv'is malgraŭ la zorg'oj de la Hind'i'an'o, kiu tamen nutr'is ĝin per plej bon'gust'a'j best'et'o'j trov'it'a'j en la dezert'o: per grand'a'j verd'a'j lokustoj, mal'grand'-et'a'j sabl'a'j mus'et'o'j, grand'a'j nigr'a'j muŝ'o'j. Li eĉ prov'is manĝ'ig'i ĝin per pec'et'o'j de ŝink'o.
- Ĉu ĉi tiu Hind'i'an'o manĝ'ad'is ŝink'-o'n? Normal'e li dev'us est'i vegetar'-an'o', neni'a'n viand'aĵ'o'n li dev'us manĝi.
- Nu, ebl'e li est'is pli angl'a ol hindu'a, ceter'e li manĝ'ad'is ankaŭ kamel'aĵ'-o'n, ŝaf'aĵ'o'n kaj drink'ad'is
- Kiel do mort'is la serpent'o?
- Ni las'is ĝin en la aŭtomobil'o. Ĝi est'-is feliĉ'a en si'a vitr'a bokal'o. Ĝi ĝu'is la agrabl'a'n varm'o'n ĝis kiam la vet-ur'il'o ne trov'iĝ'is en plen'a sun'radi'-ad'o. Ni, kiel oft'e ag'as hom'o'j, forges'is, ke la ter'o turn'iĝ'as, kaj, ke la et'a ombr'o de la arb'o, sub kiu'n ni park'is la Volksvagen'o'n, el'montr'as tio'n mov'iĝ'ant'e. En aŭtomobil'o ne ŝirm'it'a kontraŭ la sun'radi'o'j'n la temperatur'o rapid'e alt'iĝ'as ĝis pli ol 80 grad'o'j dum la varm'a sezon'o. En la bokal'o de la kompat'ind'a ramp'ul'o est'is ebl'e ankoraŭ pli varm'e. Kiam ni re'ven'is, ni trov'is en la vitr'a vaz'o ni'a'n vipur'o'n bakit'a, kaj la termo-metr'o'n difekt'it'a. Kvankam ni'a'n ter-mometr'o'n ni kaŝ'is sub seĝ'o'n, ĝi ne el'ten'is la varm'eg'o'n, kaj la dilat'int'a alkohol'o dis'romp'is la vitr'o'tub'o'n, ruĝ'e makul'int'a la ĉirkaŭ'aĵ'o'n. Ĉi tiu mezur'il'o, aĉet'it'a en Eŭrop'o, ne est'is konstru'it'a por tra'sufer'i la klimat'o'n de la sud'a Sahar'o, ĝi mezur'is ĝis nur 50 Celsius-grad'o'j.

*Edgar*




**Jubilea Esperanto-Konferenco en Graz**
**de la 18a ĝis la 25a de julio 1987a**